# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 11/01/2015 Cent naŭdek naŭa eldono 11/01/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

# 53. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

## LA ASPEKTOJ DE LA VERBO.



Oni esprimas tiujn en diversaj manieroj. Por indiki nur la komencon de ago, Esperanto havas specialan prefikson "-ek": "Ili ekridis laŭte"; "Ŝi ekkriis: ĉesu!"; "Ni ekmanĝu!"; "Ili ekbruligis la lignon"; "Bonestu eksidi!"; "Subite ni ekvidis la maron"; "La infano ekdormis"; "Ĉiuj ekparolis, sed ne povis daŭrigi"; "La hundo ekkuŝis sur la plankon". Oni ne uzu la prefikson "ek-" kun iu ajn verbo, ĉar nocioj de la komenco de ago estas relative malmultaj, kaj estas sensenca krei en Esperanto nociojn kiuj ne ekzistas en la etnaj lingvoj. Do ne estu ridindige kreemaj pri "ek-".

Alia aspekto estas, kiam oni esprimas nur sendaŭran momenton de normale daŭra ago. Oni uzas por tio la adjektivajn sufiksojn "-anta" kaj "-ata", kiuj indikas ke oni vidis nur momenton de pludaŭra ago. Ekz.: "Mi vokis ilin, kiam ili estis ludantaj", kaj "Dum ŝi estis atakata, bonŝance pasis policano". Ĉi tiu aspekto de ago do ne esprimiĝas per verbo.

Tria aspekto estas la fino de ago. Por ĝi Esperanto ne havas afikson, do uzas simple la verbon “fini” antaŭ la verbo de la precipa ago, aŭ uzas la radikon “fin” kiel prefiksoidon, ekz. “Li finis manĝi” kaj “Li finmanĝis”. Estas nuanca diferenco de signifo, tamen.

Ekzistas pluraj aliaj aspektoj, sed sen specialaj finaĵoj aŭ afiksoj por la radika verbo.

Marcel Leereveld.

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**
**Mi ne povis uzi retmesaĝojn dum mia ĉeesto ĉe la AEA kongreso.**

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**



## La Esperanto-Doma Gastdormeja Novaĵo.

Jesa (Hyon-suk) KAJ koreinoj restos ekde la 17-a ĝis la 23-a de januaro.

Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al LA SEKRETARIO per retmesaĝoj al: gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; kaj nsw@esperanto.org.au; Dankon.

Ĉu iu leganto povus viziti, ĉiĉeroni, helpi la gastojn? Sendu retmesaĝon al rspring@tpg.com.au; kaj nsw@esperanto.org.au por plusendo al la gastoj.



## Esperanto-Domo Sidnejo

Fermita dum la AEA kongreso

**La Novaĵletero** Demandu viajn amikojn Ĉu ili ricevas ‘la Aŭstraliaj Esperantistoj’on. Se ne, informu viajn Esperantistajn amikojn ke por ricevi AE ili nur bezonas sendi al mi sian retadreson. rogerspringer@tpg.com.au

## Ĉu vi vidis nian flagon?




Videbla tra la tuta mondo. Ĉu 2,000,000,000 da spektantoj?

## Novjara Artfajraĵa spektaklo ĉe Sidnejo Aŭstralio 31 Decembro 2014 – 1 Januaro 2015



Sidneja TV elsendis ĉirkaŭ la mondo 31 Dec 2014 (ankaŭ la Esperanto-flagon de Ilia)

**Ilia Dewi kaj ŝia mondfama flago**



Raportis Indrani Beharry-Lall
Ĉar la somerlernejo/kongreso komenciĝis frue (Jan 2), mi decidis iri spekti la famajn Sidnejajn piroteknikaĵojn antaŭ ol vojaĝi al Melburno por la kongreso. Oni permesis min resti en Esperanto-domo ekde Dec. 30. Tie mi renkontis Ilia el Indonezio. Ni devis ambaŭ viciĝi jam je meztago (la 31an de dec), do 12 horojn por povi iom bone vidi la spektaklon.

Ni tuthazarde elektis lokon kiu poste evidentiĝis esti tuj apud podio de kie ABC TV filmis la spektaklon. Ĉar mi ne povis sidi sur betono dum 12 horoj, Ilia afable konsentis kunporti normalan faldeblan seĝon de Esperanto-domo por mi. 20 minutojn antaŭ noktomezo Ilia staris sur tiu seĝo kaj do estis pli alta ol la personoj kiuj volis esti vidataj en la televido. Ŝi montris Esperanto-flagon kiu estis bona videbla sur la televidekrano (vidu la foton). Televidspektantoj povis klare vidi nian flagon kaj ĝi estis bonega reklamo por Esperanto! Laŭ mi valoris la tuta peno dum tiu laciga tago.






Melburno Indrani

# AEA 2015 kongreso de esperanto kaj somerkursaro, Melburno Aŭstralio

| | Melburno kongreso Januaro 2015 | | | NOMO | Tagoj | | NOMO | Tagoj | | NOMO | Tagoj |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | NOMO | Tagoj | 13 | DEWI, Ilia | 9 | 26 | JOHNS, Joanne | 9 | 39 | PARRIS. Esther | 9 |
| 1 | AN, Deshun | 5 | 14 | EGGER, Karlo | | 27 | JOHNS, Peter | 9 | 40 | PITNEY, Stephen | 9 |
| 2 | BEHARRY-LALL, Indrani | 9 | 15 | ELSE, Nicole | 9 | 28 | KANE, Daniel | 9 | 41 | ROLLS, Ken | 9 |
| 3 | BISHOP, Alan | 9 | 16 | FARKAS, Laszlo | | 29 | KRAGELOH, Chris | 2 | 42 | SACHER, Jacob | 9 |
| 4 | BISHOP, Jennifer | 9 | 17 | FENTON, Pamela | | 30 | LEE, Kam | 9 | 43 | SERVE, Yvan | 9 |
| 5 | BYSOUTH, Dorothy | 4 | 18 | FLEMING, John | 9 | 31 | LEEREVELD, Marcel | 9 | 44 | SMITH, Marumi | 2 |
| 6 | CALDER, John | 9 | 19 | GARAMY, Steve | 3 | 32 | LI, Hyon-suk | 9 | 45 | SMITH, Gary | 1 |
| 7 | CARNEY, Michael | 9 | 20 | GREEN, Hazel | 4 | 33 | LUSHNIKOV, Dmitry | 2 | 46 | SPRINGER, Roger | 9 |
| 8 | CARNEY, Madeline | 9 | 21 | GREEN, Paul | 4 | 34 | McDONALD, Bradley | 5 | 47 | SPRINGER,Mei | 9 |
| 9 | DE JESUS, Teofilo Jose Maria | 9 | 22 | HUELSBECK, Jean | 9 | 35 | McGIFFORD, Erin | 9 | 48 | STEELE, Trevor | 9 |
| 10 | NIELSEN, Marja | 9 | 23 | HELDZINGEN, Heather | 9 | 36 | NEWSUM, Richard | 9 | 49 | STEVENSON, Charles | 9 |
| 11 | CHALDECOTT, Margaret | 9 | 24 | HORVATH, Sandor | 9 | 37 | O'CONNOR, Trish | | 50 | WATSON, Rae | 9 |
| 12 | COOPER, Jonathon | 9 | 25 | JABBAR, Mohammad | 9 | 38 | PALMER. Helen | 2 | 51 | STRUMINSKA, Marusxka | 6 |



## Aŭstralia Esperantistino de la Jaro.

# Joanne Johns

**Multe helpas Melburnan Klubon, pense kaj fizike.**
**Ankaŭ daŭre ĉe la sukcesa AEA kongreso 2015.**
**Kaj ĉe sia Melburna „meetup“ grupo.**



## Aŭstralia Esperantisto de la Jaro.

# Richard Delamore

Mi estas Riĉardo Delamore, mi estas Aŭstralia Esperantisto kiu prilaboras la retejon www.actingaustralia.com.au/eo/

## Por lia laboro ĉe EsperantoTV

Vizito per Skajpo el Sidnejo al Melburno





Indonezia Vespero



Filmo 54 tagoj



Teo el Timor prelegis

**Du malsamaj grupaj fotoj de la AEA kongreso 2015. Havas kelkajn malsamajn kongresanojn**







Teo (Teofilo Jose Maria De Jesus) el Timor ĝuis la kongreson

# Ilia Dewi kaj ŝia vizito al Aŭstralio




Antaŭ mia vojaĝo al Aŭstralio, mi jam havis kelkajn aferojn kiujn mi ŝatus vidi kaj sperti dum la vizito, unu el ili estis rigardi piro-teknikaĵon en Sidnejo. Plurfoje mi nur vidis ĝin tra la televido de mia domo en Ĝakarto, Indonezio. Estas granda festo de piro-teknikaĵo kiam la jaro ŝangiĝas al la venonta jaro. Tiam mi pensas ke indas sperti la eventon kiam mi estos en Sidnejo. Mi havis bonŝancon kiam la tempo venis por vojaĝi al Aŭstralio ĉefe por partopreni la Aŭstralian Esperanto-kongreson kaj somerkursaron. Mi ege ĝojas kiam la organizantoj (LKK-anoj) de Aŭstralia kongreso konsentis ke mi havu kelkajn tagojn antaŭ la kongreso en Sidnejo kaj poste vojaĝis al Melburno. Mi poste ekpreparis kaj kunorganizis la vojaĝon kaj tiam mi flugis al Sidnejo kaj alvenis je la 29a de Decembro 2014. Bonan tempon mi havis dum la restado en Esperanto-domo kun amikino el Adelajdo, Indrani. Agrable ke ni havis saman intencon rigardi la piroteknikaĵon en la centro de la urbo kie situas la Operdomo kaj Havenponto.



Do la lasta tago de 2014 venis kaj tiam ni preparis nian vojaĝon al Circular Quay. Posttagmeze ni veturis trajne kaj alvenis je la 12.30 horo. Multaj homoj jam estas tie kaj blokis siajn lokojn por havi la plej bonan rigardon al la piro-teknikaĵo laŭ la informita novaĵo. Ni ĉirkaŭiris kaj fine trovis la malgrandan spacon apud iu podio pri kiu ni ne sciis kio ĝi estas sed ni supozis ke okazos muziko sur ĝi. La vetero iom malagrablis por mi pro la varmeco sed mi tamen provis ĝui la etoson kaj pasigis la tempon kune kun Indrani. Ni multe babilis, fotis, manĝis kaj foje mi provis iom ripozi kaj ŝi legis libron.

Ĉirkaŭ la 4a horo, ni kaj kelkaj homoj rimarkis ke la apuda podio estis uzita de 'ABC news' por raporti pri la evento kaj agrable homoj proksimiĝis por preni fotojn kun la raportistoj kiujn ili kutime vidas per la televido. Mi memoras ke Indrani diris ke tiu signifas ke ni estis en bona loko por rigardi la piroteknikaĵon kaj ne pensis ke vere poste estos 'bona loko'.

Proksimiĝis la vespero, ĉiuj homoj ŝajnis pli agrablaj kaj amuzaj ĉar pli kaj pli la suno malaperis kaj tiam la temperaturo iom malaltiĝis. Mi persone eĉ sentis min iom laca tamen mi ĝuis la ĉirkaŭaĵon precipe kiam tiu 'ABC televido' komencis sian raportadon. Multaj homoj proksimiĝis al nia loko por ke ili estu kaptitaj de televida kamerao tiam ili utiligis la momenton por montri la ĝojon ekzemple diri salutadon kaj montri iun flagon. Rigardante tiujn homojn, mi poste entuziame ankaŭ montris malgrandan 'Esperantan flagon' kiun mi ĉiam kunportas. Plurfoje mi provis serĉi la strategian lokon kie la kamerao povas bone kapti min antaŭ tiom multe da homoj. Finfine mi estis kaptita en la mezo inter tiuj 2 raportistoj post kiam mi staris sur la seĝo kiun mi kunportis el Esperanto-domo.  Mi fakte ne tiom konsideris ke mia agado kaptos la atenton de esperantaj geamikoj el Aŭstralio.



# AEA Informas



Aŭstralia Esperanto-Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

**Jarakunveno AEA raportas**

**Nova Elektita Estraro**

Esther, Heather, Indrani, Jonathan, Margaret, Joanne kaj Sandor



# Kep Enderby mortis

## Fama Aŭstralia Esperantisto. 88-jara

AE donas sian subtenon al Dorothy, lia edzino, kaj lia familo dum tiu malfeliĉa periodo. Roger kaj Nicole





Kep kun Dorothy

Kep kun Tasmania esperantisto en 1996

Kep kun Gough Whitlam



## Kep Enderby

**Keppel ENDERBY** (naskiĝis la 25-an de junio 1926, mortis la 8-an de januaro 2015) estis aŭstralia esperantisto kaj politikisto.

Edukita en la Altlernejo de Dubbo li aliĝis en 1944 al flugarmeo, studis juron en la universitatoj de Sidnejo kaj Londono, ekde 1950 laboris kiel juristo kaj instruis. Ekde 1962 li estis universitata preleganto kaj en 1970 li estis elektita al la Aŭstralia Parlamento. De 1972 ĝis 1975 li estis ministro, unue pri aŭstralia produktado, poste pri justico. Kiel juristo li ricevis la titolon Advokato de la Reĝino. De 1982 ĝis la emeritiĝo en 1992 li estis juĝisto ĉe la Supera Kortumo de Nova Sud-Kimrujo. La iama amatora golf-ĉampiono havis diversajn gravajn funkciojn en tutaŭstraliaj kaj regionaj juraj institucioj. Ekde 2003 li prezidas la regionan societon pri libervola eŭtanazio.

Kep Enderby esperantistiĝis en 1987 kaj funkciis de 1992 ĝis 1997 kiel prezidanto de Aŭstralia Esperanto-Asocio. Kiel prezidanto de la Loka Kongresa Komitato li gvidis la organizadon de la 82-a UK en Adelajdo (1997). Li estis dum kvar oficperiodoj komitatano de UEA 1992-2004 kaj prezidanto de Esperanta Jura Asocio 1996-2002. De 1998 ĝis 2001 li estis prezidanto de UEA. En la vochdonado de la revuo La Ondo de Esperanto li estis proklamita la *Esperantisto de la Jaro* 1999. En 2004 li estis elektita kiel membro de la Honora Patrona Komitato de UEA. Kiel prezidanto de UEA Kep Enderby elstarigis en siaj paroladoj kaj artikoloj la gravecon de la laboro por la homaj rajtoj. Li pledis ankau por pli proksima kunlaboro inter UEA kaj aliaj Esperanto-organizaĵoj, aparte kun Sennacieca Asocio Tutmonda, kies fervora membro li estis.

Kep Enderby aliĝis kaj servis en la Aŭstralia Flug-armeo, kaj post tio studis juron. Li laboris kiel instruisto de juro en la Aŭstralia Nacia Universitato en Kanbero, kiel advokato, juĝisto kaj ŝtatisto. En 1970, li elektiĝis al la Aŭstralia Federacia Parlamento. Li estis, inter aliaj postenoj, ministro pri justico (1975) kaj juĝisto de la Supera Kortumo de Novsudkimrio (1982-1992).

Li esperantiĝis en 1987. Li okupis la jenajn postenojn en la movado:

- komitatano de UEA (ekde 1992),
- prezidanto de la Esperanta Jura Asocio (ekde 1996),
- prezidanto de la Aŭstralia Esperanto-Asocio (1992-1998),
- prezidanto de UEA (1998-2001).

Li estis elektita Esperantisto de la Jaro 1999, kiel dua laŭreato en la konkurso de "La Ondo de Esperanto".